2.ª Ep. AÑO VIX N.º 47 (183) ENERO - FEBRERO 1971

# Boletin

## DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

# 31ª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO



Bela promenejo «La Explanada» en ĉijara Kongresurbo Alicante

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

*Director:*
Domingo Martínez Benavente
*Redacción y Administración:*
Inés Gastón
Paseo Marina Moreno, 35, 4.°, dcha.
ZARAGOZA

*ADRESOJ*

Hispana Esperanto-Federacio:
Prezidanto:
S-ro Angel Figuerola Auque
Str. Víctor de la Serna, 19, 7.°
MADRID-16

Generala korespondado:
Sekretario:
S-ro Manuel Figuerola Palomo
Str. Víctor de la Serna, 19, 7.°
MADRID-16

Monsendoj:
Kasisto:
S-ro Raimundo Ibáñez Crespo
Str. Princesa, 78, 2.°
MADRID-8
Ĉekkonto: N.° 24.692/10,
Banco Ibérico
Avda. José Antonio, 18
MADRID-14

Sendaĵojn pri statistiko kaj informado al:
S-ro Salvador Aragay
Str. Bassegoda, 40, 3.°, 1.ª
BARCELONA-14

Libroservo kaj Eldona-Fako:
F-ino Inés Gastón
P.° Marina Moreno, 35, 4.°, dcha.
Ĉekkonto: N.° 17917, Banco Bilbao
Coso, 31 ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 120 ptojn.

La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H.E.F., escepte en okazo de oficiala komuniko; ĝi ankaŭ ne reprezentas la opinion de la Redaktoro; do, pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

SVEDUJO. — Göteborg 5 (Södra vägen, Poste Restante, S-ro. Runo Mur, 54 jaraĝa laboristo deziras korespondi kaj interŝanĝi bildkartojn kun hispaninoj.

NEDERLANDO. — Den Haag 2078, Poŝtkesto 9751, S-ro. A.v.d. Hoeven Sr, serĉas korespondanton kun ĉ.l. pri ĉ.t.

## de Secretaría

Con el fin de confeccionar un nuevo "directorio" de la Federación, que ponga al día el actual, en cuanto a los domicilios y cambios producidos en el número de socios, se anuncia que en el próximo número de BOLETIN de esta Federación, se adjuntará una ficha, que debidamente cumplimentada se ruega sea enviada con la mayor brevedad a la secretaría de la Federación, Víctor de la Serna, 19, de Madrid.

DONANTES DEL FONDO DE ADQUISICION LOCAL EN PROPIEDAD (F.A.L.P.)

| | | |
|---|---|---|
| *Saldo anterior.* | 39.000 | ptas. |
| Gerardo Flores Martín ... | 2.000 | " |
| Fabriciano Bermejo Domínguez .................. | 500 | " |
| Manuel Figuerola Palomo. | 500 | " |
| José Torrejimeno Ruiz... | 500 | " |
| Conrado Berghänel Kraeher ......................... | 1.000 | " |
| Eusebio Maynar Duplá . | 500 | " |
| Antonio Moya Casado ... | 500 | " |
| *Total* .......... | 44.500 | " |

Madrid, 16 de enero de 1971.
*Manuel Figuerola Palomo*
Secretario de la Federación Española de Esperanto

## deziras korespondi

ĈEĤOSLOVAKUJO. — Paskov, Místecká ĉ 215, samideanino Magda Ganĉarĉíková, 14-jaraĝa knabino deziras korespondi kun hispanaj geamikoj.

SOVET-UNIO. — Jalta-7, Krimeo, ul. Sosnovaj 48 kv 4, S-ro. Vladimir Kurguzov, 30 jaraĝa, ŝipestro sur loka linio, deziras interkorespondi kun hispanaj esperantistoj. Li sendis ankaŭ jenajn adresojn de loka Esperanto-klubo: Interklubo - maristo, Esperanto - klubo "Mevo", Jalta, Krimeo. - poŝta adreso: Esperanto-Klubo "Mevo", P. K. 33, Jalta, Krimeo, Sovet-Unio.

ĈEĤOSLOVAKUJO. — Stonava 100, Silezio, S-ro. Brtulec Paŭlo, deziras korespondi kun hispanaj esperantistoj.

HUNGARUJO. — Budapest XI, Ménesi ŭt. 11-13, Miguel Keckés, 25 jaraĝa, deziras korespondi kun hispanaj esperantistoj, kiuj interesiĝas pri literaturo kaj teatro.

# *XXXI CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO EN ALICANTE*

## Habla el Comité Local

Queridos lectores:

El Comité organizador del Congreso Español de Esperanto se asoma por primera vez a estas páginas de nuestro BOLETIN, para anunciarles que el XXXI Congreso, ya está en marcha.

En esta ocasión ha correspondido a la ciudad de Alicante el alto honor de organizar el Congreso Español de Esperanto que, como saben, viene celebrándose cada año en una ciudad española.

¿Qué podremos decir de Alicante que no sea ya conocido? ¿Quién no ha deseado pasear en un atardecer por su Paseo de las Palmeras, bañarse en las playas de San Juan o de la Albufera, admirar los Palmerales de Elche o pasear como un turista más por las cosmopolitas calles de Benidorm? Todo esto es Alicante y aún mucho más que tendrán ocasión de admirar los asistentes al Congreso y que nosotros ofreceremos con nuestra mayor ilusión.

Mas reconociendo el alto honor que se hace a Alicante al elegir a esta ciudad como sede del próximo Congreso, no se nos oculta la enorme responsabilidad que, como Delegados de la Federación Española en este Congreso, pesa sobre nosotros. Pero esto no nos desanima; muy al contrario, nuestro entusiasmo crece, si ello es posible; nuevos miembros se adhieren a nuestro GRUPO DE ESPERANTISTAS DE ALICANTE, y la apertura de un nuevo curso de Esperanto nos augura un seguro éxito de colaboración entre la juventud.

Ya desde estas páginas queremos comprometernos a organizar un Congreso cuyo recuerdo quede indeleble en la memoria de los que a él asistan; con la ayuda de Dios y la colaboración de todos estamos seguros de conseguirlo.

El Comité Organizador desde ahora da a los congresistas su más cordial bienvenida, pues estamos seguros que con la lectura de estas líneas todos los suscriptores de nuestro BOLETIN se habrán hecho la firme promesa de asistir al próximo Congreso. Ya contamos con todos, pero más que como meros participantes en el Congreso, les pedimos su colaboración entusiasta, enviándonos desde cualquier provincia en que se encuentren sus sugerencias y cuanto pueda ser de interés para el logro de nuestros proyectos y mayor brillantez de nuestro próximo Congreso Español de Esperanto.

EL COMITE LOCAL



# S-no Antonio Criach Valls

Mi jam konis lin tia antaŭ nia intercivitana milito: Li estis energia, persista, fervora. Konstante li propagandis Esperanton kaj laŭeble varbadis novajn adeptojn por la Zamenhofa Idealo. Kursojn de Esperanto li senlace gvidis en Sabadell kaj eĉ en la apuda urbeto San Cugat del Vallés.

Pasis la jaroj, sed tamen liaj energio, persisto kaj fervoro por Esperanto restas freŝaj ĉe li, kvazaŭ natura miraklo. Ankoraŭ nun li gvidas kursojn hejme kaj persistas kun sukceso en la varbado de novaj esperantistoj. Jen kiu estas Antonio Criach Valls.

Li naskiĝis la jaron 1898 en Castellar del Vallés, urbeto distanca 6 kilometrojn de lia loĝurbo Sabadell. En 1956 lia filino Pepita, tre bona esperantistino, edziniĝis al S-no H. de Caspary el Norvegujo, kie le geedzoj loĝas kun du gefiloj, denaskaj esperantistoj.

Apartan mencion meritas lia edzino kaj plej fidela E-lernantino, s-ino Antonia Galvany, kiu ĉiam apogas kaj entuziasme kunhelpas sian edzon en kiu ajn aktivado por Esperanto, precipe, kiam de tempo gastas ĉe ili eksterlandaj esperantistoj, pro kio oni prave alnomas ilian hejmon la "Grésillon" de Sabadell.

---

Ĉar pro privataj motivoj geedzoj Criach preparas nun sian novan hejmon en Barcelono, kien ili translokiĝos je la komenciĝo de majo 1971, la societo *"Centro de Esperanto de Sabadell"* aranĝos tiuokaze intiman festeton de adiaŭo, probable la venontan aprilon. Krome ĝi delegis la subskribinton fari al s-no Criach la sekvantan intervjuon, kiun anticipe prezentas al la legantoj de "Boletín" kun pli da entuziasmo ol da kompetenteco lia esperantista amiko

SABADELL-ANO

*—Kie kaj kiel vi informiĝis pri Esperanto kaj kiam vi eklernis ĝin?*

—Nu, vi estas vere moderna homo, kiu bone scias kalkuli pri la valoro de la tempo, ĉar vi faras al mi tri demandojn samtempe! Kvankam la afero estas iom longa, tamen mi provos respondi viajn *kie, kiel* kaj *kiam* simple tial, ĉar mi konsideras la aferon neordinara kaj sufiĉe interesa aŭ originala:

Tio okazis antaŭ longe, precize en printempo de 1922, en Tarrasa, kie mi laboris kiel panfaristo en iu el tieaj panbakejoj. Mia laborhoraro ne koincidis kun tiu de la cetera laboristaro, nome: Kiam mi laboris, la ceteraj ripozis kaj inverse. Tial, miaj tiamaj laborpaŭzoj estis enuaj kaj tedoplenaj, kiujn mi pasigis plej ofte surstrate, gapante montrofenestrojn kvazaŭ mi estus tre interesita pri la varoj tie montrataj. Foje mi haltis antaŭ montrofenestro de librovendejo kaj eklegis titolojn de verkoj tie eksponataj. Subite mia rigardo frapis kontraŭ libro, kies titolo tre allogis mian atenton. Temis pri gramatiko kaj vortaro de la Lingvo Internacia Esperanto, de D-ro J. Bremón Masgrau. Tuj mi alpaŝis la enirpordon kaj eniris en la vendejon, kie sinjorino, lasante sian trikadlaboron, ekstaras kaj rigardas min demande. Ĉu vi bonvolas vendi al mi tiun gramatikon pri Esperanto?, mi diris. Ŝi etendis la manon kaj donis al mi la libron. Kiom mi ŝuldas? Unu peseton kaj duonon, ŝi respondis. Mi pagis kaj rapidis hejmen por trafoliumi la trezoron ĵus akiritan. Avide paĝon post paĝo mi trarigardis la tutan libron senhalte. Sed, ve! Ĉar mi lernis legi kaj skribi aŭtodidakte (de mia infana

naŭjara aĝo mi laboris en fabriko kaj ne plu mi vizitis lernejon) mi sciis nenion pri gramatikaĵoj, sekve mi bezonis instruiston, kiu instruu al mi tiajn strangaĵojn, kiaj estis por mi la artikolo, substantivo, adjektivo, verbo, participo, k.t.p., k.t.p.,... Kie trovi lin? inter miaj tiutempaj gekonatoj neniu estis aŭdinta ion ajn pri Esperanto, kaj tio daŭris ankoraŭ longe. Tamen mi ne forgesis la aferon. Ĉiutage mi prenis la libron kaj anstataŭ vagadi surstrate kiel senmastra hundo, mi promenis al la kamparo, laŭvetere sidiĝante ĉu sub ombro de arbo, ĉu sub la karesaj sunradioj, streĉe cerbumante por kompreni mian trezoron ĝis dormemo min kaptis. Tamen ion mi lernis, kvankam ne multe. Sed mia obstina persistemo iom post iom sin sentis premiita. La gramatika lingvaĵo fariĝis al mi pli kaj pli familiara kaj pluraj esprimoj de tiu mirinda lingvo fiksiĝis en mia memoro.

Tio daŭris pli ol unu jaron ĝis kiam, iun tagon, survoje al la kamparo, venis kontraŭ mi du homoj en vigla interparolo, kaj jen, en la preciza momento de nia kruciĝo, mi aŭdis la vorton Esperanto! Haltinte mi demandis: ĉu vi parolas pri la Internacia Lingvo? Jes, respondis unu el ili, kiu aldone informis min pri baldaŭa malfermo de elementa Esperanto-kurso en loka institucio popola. Ho, tio estas al mi tre interesa, ĉu vi bonvolas informi min kiel mi povos partopreni tiun kurson? Jes, la afero estas tre facila: Vi iru al la kelnerĉefo, kiu enskribos vin kaj samtempe informos pri ceteraj detaloj tiurilataj. Dankon tutkoran! kaj adiaŭinte ilin mi turnis min ree al la urbo, ĝojoplene kvazaŭ la granda premio de nacia lotumado estus trafinta mian poŝon. Sed...

Ne estas ĝojo sen ia malĝojo kaj inverse! Ĉio iris laŭdezire, sed nur dum du semajnoj! Post kvar lecionoj mia laborhoraro ŝanĝiĝis kaj ne plu eblis al mi ĉeesti la kurson. Kion fari? Jen mi denove al la kamparo kun mia plej amata amiko ĝis kiam mi sukcesis trovi laboron en Sabadell, en posteno, kiu lasis min libera dum la vesperoj. Tiam mi aniĝis al la "Aplec Esperanta Grupo", kie mi lernis la lingvon kaj ne plu lasis la aferon, ĉar al ĝi mi ŝuldas ĉion, kio mi estas en la nuno.

*—Kion vi sugestas por ke Esperanto rapide disvastiĝu?*

—Esperanto ne rapidos disvastiĝi ĝis kiam la esperantistoj rigardos ĝin kiel seriozan aferon, kiel plej noblan homidealon, kiel fundamentan ŝtonon por starigado de vera homa kunvivado en monda skalo, kiel nepre necesan unuan paŝon al efektiva prilumado de la nuna socia ĥaoso kaj kiel unikan rimedon por altigi la homan moralon, ĝenerale disrompitan kaj nuligitan kaŭze de pluraj faktoroj, inter kiu elstaras la militemo kaj persona egoismo. Nur tiam Esperanto ekprogresos rapide, kiam la esperantistaro konvinkiĝos, ke ĉio dependas de ĝia propra forto kaj ke estas tempo agadi laŭpove, varbante novajn adeptojn inter gefamilianoj kaj geamikoj aŭ gekonatoj. Oni devas ĝisoste konvinkiĝi, ke nenio venos al ni de ekstere, se oni ne faras la eblon konkeri ĝin, kaj tio postulas oferan memdediĉon, kiu ajn estos la celo havita. En tiu momento, kiam la esperantistaro plenumados senhezite sian devon, tiam Esperanto disvastiĝos laŭ rapido paralela al la disvolviĝo de la scienco kaj tekniko en nia jarcento, kaj ĝi ne povos ne veki vivofidon al la homo, ĝenerale tra la tuta mondo.

*—Ĉu vi memoras iun rakonton, anekdoton aŭ ion similan rilatajn al Esperanto, kiujn vi travivis?*

—Jes, sed la afero eble fariĝos tro longa kaj mi ne volas lacigi la geleгantojn. Tamen mi rakontos kio okazis al mi, la unuan fojon, kiam mi partoprenis ankaŭ la antaŭkongresajn aranĝojn en Parizo. Inter la programeroj de tiu antaŭkongreso, la lasta estis tuttaga ekskurso per aŭtobuso al Versajlo. Oni ekveturis je la 9a horo el Parizo kaj post pluraj vizitoj survoje, ni alvenis al Versajlo ĝuste por altabliĝo por ĝuado de la komuna tagmanĝo post kio oni devis vizitadi la mirindaĵojn de la palaco. Oni dividis la kongresanojn po tri grupojn kun gvidanta samideano franca, kies tasko estis klarigi en bona Esperanto la historian signifon de ĉiu mirindaĵo. La impona palaco estis plenplena de vizitantoj, kiuj svarmis pogrupe gvidataj de homo, kiu klarigis laŭ la gepatra lingvo de la koncerna homgrupo. La vizito estis vere instruodona kaj post vizito de pluraj salonoj, ni alvenis

al salonego nomita *"Salono de la Armiloj"*. Mi eniris la salonon ne rimarkinte, ke nia gvidanto haltis ĉe la sojlo kaj anstataŭ eniri li paŝis antaŭen al la Salono de la Speguloj.

Kompreneble mi disiĝis de miaj kunvizitantoj kaj rigardis proprainiciate dum iom da tempo kaj, ĉirkaŭrigardante, mi rimarkis, ke neniu esperantisto videbliĝis en la salono. Rapide mi eliris kaj traserĉis, sed vane! Mi eliris el la palaco laŭ la ĝardena flanko, kie ankaŭ mi malsukcesis. Mi aliris alian korton, kie mi lasis la veturilojn kaj jen ili ankaŭ malaperis! Verŝajne oni lasis min sola kaj perdita en fremda lando inter homoj kun kiuj mi ne povas interkompreniĝi! Tiu malagrabla situacio tamen nur daŭris kelkajn minutojn, ĉar baldaŭ kiel miraklo prezentiĝis antaŭ mia nazo kvar verdaj steloj sidantaj sur la brusto de kvar s-roj de mi neniam viditaj. Paŝante al ili mi salutas: bonan posttagmezon, s-roj! Mi estas hispana. Mi estas bulgara; bulgara, diras la dua; bulgara, diras la tria; franca, diras la lasta.

Mi tre ĝojas renkonti vin, mi alparolas la francon. Mi veturis ĉi-tien kun la antaŭkongresanoj, sed mi faris stultaĵon, kiu disigis min de la ceteraj kunekskursantoj kaj nepre ĉi-vespere mi devas ekveturi al la Kongreso en Marsejlo. Ĉu vi bonvolas indiki al mi la manieron veturi al Parizo? Jes, respondis la franco, tio estas tre facila! Vi veturos tien kun ni! Tiuj s-roj ankaŭ devas ekveturi al Marsejlo ĉivespere! Sed ankoraŭ estas iom frue kaj ni havas tempon por trinki glason da biero tute trankvile. Ĉu vi bonvolas akompani nin? Volonte mi respondis kun ripoziga enspiro!

---

## HUGO RÖLLINGER - BAD KISSINGEN (GERMANIO) DANKAS

Dum vintra studvojaĝo en la ĵus finiĝinta jaro 1970 al la Kanariaj Insuloj neforgeseblaj restos por mi samideanaj afablecoj kaj amikaj servoj - neeble ilin ne danke mencii:

Al prof. Régulo Pérez mi dankas la distingon de invito en nomo de l'rektora moŝto al 2 lumbildprelegoj en lingvoj hispana kaj Esperanto en la Universidad de La Laguna pri la temo "Sur la Spuroj de l' Homo prahistoria". Sekvis gazetara intervjuo, aranĝita de s-ano Régulo por la grava ĵurnalo EL DIA (Santa Cruz de Tenerife), kun duonpaĝa ilustrita raporto pri la prelego kaj, precipe, pri la taskoj kaj la rolo de Esperanto kaj ĝia movado. Ekstreman dankon mi ŝuldas al la Del. de UEA., Jesús García Vigil en Las Palmas (Gran Canaria), kiu, por mia preparo de l' prelega teksto en lingvo hispana, disponigis al mi dum pluraj tagoj sian oficejon, oferis al mi vesperajn horojn por gravaj perfektigoj en "la lengua de Cervantes" kaj kiu fine dum mia foresto sur Tenerifo pro la prelegoj, eĉ surŝipigis mian aŭton de Las Palmas al Tenerifo.

Unuafoje en 1929 mi vizitis laŭ samideana invito dum la UK. 1928 en Antverpeno rondvojaĝe Hispanujon, konatiĝinte i.a. kun la neforgesebla prof. Delfi Dalmau Gener, mortinta 15 apr. 1965. Dum pluraj vojaĝoj sekvintaj, hispanaj historio, popolo, lingvo, lando kaj samideanaro fariĝis integra parto kvazaŭ de mia vivo. Do H.E.F. akceptu bonvole mian peton en dankoj, esti membro inter vi en H.E.F.

Prosperan Novan jaron al vi ĉiuj kaj - ĝis revido!

10 jan. 1971.

HUGO RÖLLINGER, Del. de UEA.

# «KIE METI LA LIMON AL ESPERANTIGO DE NOMOJ?»

Respondo al S-ro Lienhardt (:Linhart)

La artikolo de Albert Lienhardt en la revuo "Esperanto" kaj la foliumado de la freŝa "Plena Ilustrita Vortaro" (P. I. V.), movis min diri ion, kio de antaŭ multaj jaroj kirliĝas en mia cerbo.

Sincere mi devas konfesi ke mi nenion konas pri ĉi tiu temo krom la du cititaj fontoj; mi ja estas simpla amatoro de gramatikaĵoj; pardonu do mian aŭdacon.

---

Por solvi la tiklan problemon de la propraj nomoj en Esperanto, mi sugestas la sekvantajn.

POSTULATOJN:

*Unua:* La fundamenta kaj origina realo de ĉiu propra nomo estas ĝia sono.

*Dua:* Malsamaj sonoj kiel propra nomo de unu sama estaĵo ne estas akcepteblaj.

*Tria:* La geografiaj propraj nomoj estas ĝuste la sonoj kiujn uzas en la lando mem la enlandanoj.

*Kvara:* La sono de ĉiu antaŭnomo aŭ familia nomo estas nepre netuŝebla.

*Kvina:* En Esperanto oni povas uzi nur la fundamentajn esperantajn literojn.

---

El la supraj postulatoj fluas jenaj sekvoj:

*Unua:* Ĉiu privata esperantisto estas la sola kiu rajtas diri kia estas lia nomo kaj lia antaŭnomo; kaj kiel oni povas plej bone respeguli la sonojn de liaj nomoj per esperantaj literoj.

*Dua:* Oni devas demandi al kompetentaj naciaj esperantistoj kiaj estas la geografiaj propraj landaj nomoj —kiuj cetere aperas en la nacie eldonitaj mapoj— kaj kia estas ilia plej taŭga reprezentaĵo per esperantaj literoj.

*Tria:* Estontece, kiam propra nomo aperas unuafoje en esperanta verko aŭ skribaĵo, ĝi aperu —prefere per latinaj literoj— nacilingve; kaj tuj apude, se ĝia nacia sono ne egalas la esperantan elparoladon, oni metu interparenteze plej taŭgan reprezentaĵon de ĝia sono per esperantaj literoj. Aperu dupunkto antaŭ ĉi tiu reprezentaĵo. Ekzemple: "España (:Espanja)" aŭ "España (:Spanja)" Laŭ decido de la kompetentaj naciaj esperantistoj.

*Kvara:* Proparoksitonaj nomoj kiel "Cáceres (:Kazer - es)" aperu sia lasta silabo strekdisigita.

*Kvina:* Oksitonaj nomoj kiel "Valladolid (:Baljadolid')" aperu apostrofite.

*Sesa:* Plurakcentaj nomoj kiel "Ciudad Real (:Zivdad' Real')", "Castejón de Valdejasa (:Kastehon' de Baldehasa)" aperu dispecigite laŭ tiom da vortoj kiom da akcentoj; ĉiu ĉefa vorto aperu majuskle.

*Sepa:* Oni ne faru esceptojn kia ajn estu la rezultanta vorto aŭ frazo.

*Oka:* En la geografiaj verkoj taŭgus indeksoj laŭ nacia-esperanta kaj esperanta-nacia direktoj. Ankaŭ helpus uzi la mapajn koordinatojn kiel faras P. I. V.

*Naŭa:* La kovertadresoj ne entenu esperantigitajn nomojn.

---

Fine al la demando de S-ro Lienhardt ("kie meti la limon al esperantigo de nomoj?") mi respondas:

Ĝuste de nun: Oni ne plu devas esperantigi iun ajn propran nomon. Kiu originale verkas en Esperanto, tiu rajtas uzi la jam ekzistantajn nomojn esperantigitajn de la klasikuloj. Cetere, preskaŭ ĉiuj tiaj nomoj aperas en P. I. V. antaŭsignite per steleto. En aliaj okazoj, oni nepre respektu la suprajn kvin postulatojn kaj iliajn naŭ sekvojn.

Zuera (:Zvera) la 31-an Julio 1970-a
Eusebio Maynar (:Eŭsebjo Majnar')

# *A vuelo de pájaro*

Con el fin de dar a nuestros lectores una sucinta idea de la ciudad sede del próximo XXXI Congreso Español de Esperanto, les ofrecemos un resumen de los datos históricos y geográficos de Alicante y su provincia que estimamos más interesantes. En este primer trabajo haremos una visita a la ciudad de Alicante, que ha de ser muy breve por el espacio de que se dispone, dejando para un segundo trabajo la visita a los lugares más característicos de la provincia.

Si nos aproximamos en una nave a la ciudad de Alicante, llama nuestra atención en primer lugar la Cúpula de la Iglesia de San Nicolás, catedral alicantina; voltean incansables las campanas, se denomina Cimborrio, inmenso compás abierto a los treinta y dos puntos de la rosa de los vientos. Primero fue mezquita, luego, tras la reconquista, se purificó y dedicó al gran Santo Obispo, cuya devoción estaba muy difundida. Reformada en estilo gótico, fue erigida en Colegiata en 1596, por Clemente VIII, construyéndose poco después la actual de severo estilo escurialense.

Descendemos del barco y la luz nos ciega por un momento, pues Alicante, aun con más propiedad que París, puede ser llamada la Ciudad de la Luz, ya que su etimología así lo dice y la luz del sol brilla esplendorosa durante casi todos los días del año hasta cegarnos en el primer momento.

Por el magnífico paseo de la Explanada, ornamentada con palmeras y de teselas negras, rojas y blancas, llegamos a la Rambla de Méndez Núñez, la gran avenida de Alicante, donde nos impresiona la magnificencia y altura de sus edificios, dedicados, en su mayor parte a oficinas y bancos.



**Contrastando con los barrios típicos, modernas construcc surgen en la bella ciudad levantina**

Después de visitar San Nicolás, por la calle Mayor, que nos recuerda las calles de Andalucía, llegamos al Palacio Municipal, cuya fachada, construida en el siglo XVIII, es de estilo barroco.

Por una empinada cuesta cruzamos los antiguos barrios cristianos de Alicante y llegamos a la puerta de separación de los barrios musulmanes, para visitar la iglesia de Santa María, que, al igual que San Nicolás fue primero mezquita, demoliéndose a principios del siglo XIV y construyéndose la actual de estilo gótico.

Bordeando la falda de Benacantil podemos visitar la zona residencial surgida alrededor del Hospital Provincial, llamada el Pla del Bon Repos; donde sentó sus reales, Alfonso X el Sabio durante su estancia en Alicante. De pocos años acá han surgido grandes barriadas, como la de las Carolinas, Mil Viviendas y, descendiendo por la carretera de Villa Franqueza —antiguo feudo favorito de Felipe IV— vemos la



Barrio Típico

Plaza de Toros, en la que se han celebrado corridas que han marcado época en la tauromaquia, y donde los ídolos locales se han cubierto de gloria.

Nos recomiendan visitar, y así lo hacemos, el Palacio Municipal, a los pies del monte Tosal, en el que se halla el Museo Arqueológico Provincial, uno de los mejores de España en su género, y donde también hay una buena colección de cuadros de pintura moderna.

Es de noche; la ciudad está profusamente iluminada. Al fondo de la explanada contemplamos la original fuente luminosa, admiración de propios y extraños. Llegamos a la playa con sus modernas construcciones para uso de bañistas, y la entrada al túnel que en ascensor nos llevará a la cima del castillo de Santa Bárbara, desde el cual se contempla un bello panorama nocturno a los rayos de multitud de luces. Nos acomodamos en el magnífico auditorium del castillo, pues deseamos escuchar el concierto que interpretará la banda municipal de Alicante, y las vibrantes notas de la jota de La Bruja, en las que nuestro paisano Chapí vertió lo mejor de su arte, rasgan el silencio de la noche haciéndonos estremecer, no sabemos si de placer o de miedo.

*Miguel Cazorla*

---

# XXXI CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO

Alicante, 19-24 julio 1971

*Comité Local Organizador:*

Presidente, Rodolfo Canet Marín; Vicepresidente, Miguel Cazonla Vela; Secretario, Manuel López Serna; Vicesecretario, Enrique Marco Cebrián; Tesorero, Miguel Manteca López; Vocales, Carlos Pomares, Juan Asensi Ireni, Vicente Pedro Signes (de Benidorm), José M.ª Bernabéu Franco (de Callosa de Segura), Fernando Bayo Rasco y Conchita López Fernández.

*Alojamientos:*

El Comité Local Organizador tiene hechas en principio, unas 400 reservas de alojamiento en hoteles de tres, dos y una estrella, equivalentes a primera, segunda y tercera categorías, según la antigua clasificación.

Ahora bien, el Comité Local puede garantizar alojamiento, solo a quienes lo hayan solicitado antes del 1 de marzo, fecha en que deberán hacerse las reservas en firme; a partir de esa fecha, los alojamientos solicitados procurará el Comité proporcionarlos, pero sin comprometerse a poder conseguirlo. Hay que tener en cuenta las grandes dificultades de alojamiento que hay en Alicante durante el verano, especialmente en julio y agosto, celebrándose el Congreso en plena temporada veraniega y de... turismo.

---

Para cualquier información o consulta deben dirigirse a la siguiente dirección: XXXI CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO. Sr. D. Manuel López Serna, Secretario. Calle Santa Cruz de Tenerife, núm. 4, puerta 3.ª. ALICANTE.

# U. E. A. en la praktiko

*Helpi la junularon*

La junularo estas malkontenta. Apenaŭ necesas mencii studentajn strikojn kaj manifestaciojn. Jam sen tio ĉiu scias, ke pacienco, obeemo aŭ kontenteco ne estas junulaj trajtoj. Feliĉe. Sen tiu junulara malkontento, novaj ideoj kaj sociaj progresoj aperus malpli ofte.

Ankaŭ en la kadro de U.E.A. aperas la sama "generacia problemo". Nature. La lastaj generacioj ja sukcesis firmigi la pozicion de Esperanto kaj disvastigi la lingvon, sed ili ne atingis ĝian tutmondan enkondukon. Eble novaj, junaj fortoj kun novaj konceptoj sukcesos venki la politikajn barojn kaj progresigi la Internacian Lingvon multe pli rapide, ol ĝis nun.

Kelkfoje tamen tiu sana malkontento maltrafas sian celon. Kiu legis la vortojn de junularaj aktivuloj pri la Universala Kongreso en Vieno (vidu en La Praktiko de septembro, p. 118-125), povis efektive kredi, ke "U.E.A. ne pensas pri sia estonteco", ke ĝi "kontraŭstaras junularan agadon".

*Kion faras U.E.A.?*

U.E.A., kompreneble, ne kontraŭstaras agadon inter la junularo. Tute male, ĝi men plenumas tian agadon kaj subtenas kaj subvencias la agadon de sia junulara sekcio, Tutmonda Esperantista Junulara Organizo (TEJO). De kiam TEJO aliĝis al U.E.A. kiel sekcio, antaŭ preskaŭ 15 jaroj, U.E.A. presigas kaj dissendas al ĉiuj siaj membroj la organon de TEJO, kiu nun estas parto de la revuo ESPERANTO. De post 1958 U.E.A. havas speciale malaltajn membrokotizojn por gejunuloj, kaj de multaj jaroj junuloj kaj studentoj ĝuas same malaltajn kotizojn ankaŭ por la Universalaj Kongresoj. De post 1963, U.E.A. donas al TEJO pli ol duonon de la kotizoj de la junaj membroj por la eldonado de la junulara revuo KONTAKTO. En la lastaj jaroj la Centra Oficejo de U.E.A. administras tiun revuon por TEJO kaj prizorgas la ekspedadon. Plej laste, ĝi ankaŭ transprenis la produktadon de KONTAKTO.

Simile, tra la jaroj, U.E.A. ĉiam pli partoprenis en la laboroj de TEJO, kiu samtempe fariĝis pli forta kaj agema. Administrado, multobligado kaj ekspedado de la bultenoj de TEJO kaj aliaj cirkuleroj, varbado por TEJO inter junaj kongresanoj, komuna eldono de aliĝiloj kaj varbiloj, kreskanta librotena laboro, perado de la kotizoj por la junularaj kongresoj, konsilado pri kongresa organizo, disponigo de ejoj kaj rimedoj por junularaj aranĝoj en la Universalaj Kongresoj, premioj por junaj oratoroj, nomigo de aparta estrarano de U.E.A. por junularaj aferoj, junularaj rubrikoj en la Jarlibro de U.E.A., regula sendado de CED-dokumentoj al aro da junularaj organizaĵoj, por ne paroli pri senrenta prunto al TEJO de ĉirkaŭ 9.000 guldenoj —ĉio ĉi signifas rektan kaj ĉiam kreskantan helpon al junulara agado— helpon, kiun limigas nur la severe limigitaj financaj rimedoj de U.E.A. mem.

Senbezone diri —ĉar tio devus esti memkomprenebla— ke en sia ĉiutaga laboro U.E.A. daŭre agadas inter la junularo: ĉu respondante informpetojn de junaj sudamerikanoj, ĉu sendante materialojn senpage al junularaj grupoj en Azio kaj Afriko, ĉu en alia maniero. U.E.A. ja pensas pri sia estonteco. Ĝi pensas preskaŭ nur pri sia estonteco!

---

## EL PROVERBARO ESPERANTA

En fremdan vazon ne ŝovu la nazon.

Ne konante la profundecon, ne iru en la riveron.

Propra opinio ne estas leĝo por alia.

En fremda okulo ni vidas ligneron, en nia ni trabon ne vidas.

# Moderna Kataluna poezio el Mallorca

Tradukis: Gabriel MORA ARANA

## DIO, KUNULO

Mi estas la hundo via kiu bavas.
Mia elkrio estas ia salivo amara.
El la ŝlimo, mia voĉo estas kiel kolombido
— kiel mara kolombo vundita de ĉasisto.
Miaj manoj ne kantis; mi estas en mallumo
kiel amaso de postdraŝa kribebla balaaĵo,
kaj mia memoro krakas kiel garbo el smilako.
Mi ne eligis spikon; nur herbon, Sinjoro.
Mi prikantas Vin tiel, kiel kaneja kamporando.
Sed en mia trunko maltrankvila pro la cerambikoj,
el ĉiu aŭroro, el ĉiu tago, el ĉiu lunfazo,
estas plej alta la flagranta flamo de via am',
kiu nun estas mia am', Sinjoro.
Miaj ulceroj brilas kiel fosforeskaj aveno-faskoj,
kaj la amo estas sur mia frunt' kiel ĵusnova svingilo,
kaj Vi, Sinjoro, apud miaj brulaj ostoj,
apud mia karno acida kiel mucida pano,
restas, kiel fidela hundo,
lekante tiujn miajn vundojn kiuj, kun sia heleco,
prikantas la mizerikordemon de via salivo.

Blai BONET
(Naskiĝis en Santanyí la jaron 1926-an)

## ANKORAŬFOJE...

Ankoraŭfoje, hieraŭnokte, mi denove pensis
ke se vi ne estus mortinte tiele,
mi, somere, por vi provizus
multajn faskojn de seka branĉaro por ilin bruligi
dum la vintro en la kameno, por ke vi
povus endormiĝi apud la flamoj. Tiam,
viaj sonĝoj estus foririntaj laŭ vojoj de tenero,
kaj ili pleniĝus je etaj insuloj de feliĉo
— etaj insuloj fronte al mia malĝoja adoleskeco.
Ni, tiam, je la Sankta Margareto-tago
estus irintaj al la vilaĝfoiro
kaj, poste, vidi la maron.
Kiam la maljuneco estus iom malkreskiginta vin,
tiam mi mem estus farinta al vi kurbtenilan bastonon
el sovaĝa olivarbo;
kaj la fringeloj siblus meze de l' papavetoj.
Mi estus portinta flikitan kaj kolorpaliĝintan
pantalonon,
kaj pajloĉapelo iom kovrus al mi la okulojn.
Kiam la figujoj kiuj staras apud la vojo
estus komencintaj defaligi la foliojn,
tiam mi preparus parceleton por ŝirmi nin ambaŭ,
se vi ne estus foririnta farante tiun ekridon de mortintino.

Miquel BAUÇA
(Naskiĝis en Felanitx la jaron 1940-an)

Niaj samideanoj raportas pri la aranĝoj organizitaj por inde festi la datrevenon de la naskiĝo de D-ro. Zamenhof.

*BILBAO*

Ja interesa estas la programo per kiu la Bilbao-aj samideanoj festis la 111-an datrevenon de la naskiĝo de D-ro. Zamenhof.

La programo komenciĝis, sabaton la 12-an, per prezentado de la Artisma Esperantista Trupo de la Grupo, sub la direktado de Fino. Mari Carmen Navarro, kaj tuj sekve la ĉeestantoj estis invititaj inaŭguri la novajn instalaĵojn de la Grupo.

Unu plian fojon kaj plej sukcese, dimanĉon la 13-an tagmeze, "Polifónica Euskalduna" kiun majstre gvidas Sino. Julia García de Diego, solenigis la aranĝojn per belega koncerto. Je la fino, la ĉeestantoj estis regalitaj per aperitivo.

La 14-an vespere, en la sidejo de la Grupo, oni festis "La tagon de la Junularo". La programon organizis kaj efektivigis la junaj geklubanoj.

La 15-an vespere, la Prezidanto de la Grupo Esperantista de Bilbao, prelegis pri D-ro. Zamenhof, aŭtoro de Esperanto; je la fino sekvis tre vigla interparolado, inter la preleginto kaj interesitoj pri la temo.

La programo disvolviĝinta laŭlonge de tiuj kvar tagoj, celis la kunvivadon en frata kamaradeco de ĉiuj grupanoj, same la veteranaj kiel la novaj esperantistoj.



**Granda afiŝo anoncas la esperantistan eventon**

*SABADELL* KAJ *SAN CUGAT DEL VALLES*

Rememore al la 111-jara datreveno de la naskiĝo de D-ro Zamenhof, la societo "Centro de Esperanto Sabadell" sukcese efektivigis la oportune anoncitan programon, kies varia konsisto estis diversloke prezentata en tri intersekvaj festotagoj, laŭ la jena ordo:

*8-an de decembro.* En la ĵus inaŭgurita aŭditorio de "Radio Sabadell" kaj post enkondukaj vortoj de s-ano L. Puig, Vicprezidanto de "Centro de Esperanto Sabadell", s-ano J. Sala Campamá, delegito de la Sekcio R.E.L.A. (Rondo de Esperantistaj Libro-Amikoj) distribuis la kolektive akiritajn Esperanto-librojn, kies tuta kosto, proksimiĝanta al 12.500 pesetoj, superis la monsumon samcele elspezitan en la pasinta jaro. Tuj poste, s-ano Petro Nuez, konata kursgvidanto en Barcelono, kompetente prelegis en Esperanto pri la alloga temo: "Historio de la Mondlingvo". En tre dokumentita parolado li historiis la diversajn projektojn por Universala Lingvo kaj resume demonstris per trafaj komparoj la superecon de la jam vivanta, logika kaj senescepta Esperanto. La aranĝo finiĝis per amuza spektaklo el magiaj ludoj, kiujn lerte prezentis s-ano Guiñón.

*13-an de decembro.* En kunlaboro kun la Folklora Societo loka, "Centro de Esperanto Sabadell" organizis koncerton de sardanoj, en kiu oni povis ankaŭ danci laŭ la muziksonoj de la kompozicio "Sabadell Esperantista". Samdate kaj en apuda loko oni malfermis Esperanto-ekspozicion surstratan, konsistan-

tan el selektitaj fakoj en zorge aranĝita prezento. Tiuokaze, grandan nombron da varbiloj por la koresponda Esperanto-kurso de C.E.S. oni vaste distribuis al la gevizitantoj. Estas rimarkinde, ke la Delegacio por Kulturo de la Urbodomo de Sabadell bonvolis dediĉi tiumotive grandan afiŝon kun la teksto "Día Universal del Esperanto". kiu brile pompis super centra strato de la urbo.

*20-an de decembro.* Kun la celo krei favoran etoson por la XIII[a] Barcelono-Provinca Esperantista Renkontiĝo, kiu okazos la venontan junion de 1971 en la bela urbeto San Cugat del Vallés, "Centro de Esperanto Sabadell" kunlabore kun sia membro, s-ano Rafael Arás, ĉefa organizanto de tiu Renkontiĝo, aranĝis en salono de la tiea "Montara Klubo" ekspozicion de Esperanto, kiun inaŭguris aŭtoritatulo loka. Poste, en flanka ejo de la antikva Monaĥejo de San Cugat del Vallés, deklarita Monumento Nacia, s-ano Gabriel Mora Arana, el Manresa, disertis pri "Poezio Kataluna kaj Esperanta". Per sia karakteriza dirmaniero, klara kaj belsona, s-ano Mora kronike defiligis aŭtorojn kaj verkojn ambaŭlingvajn, kaj mem deklamis kelkajn poeziajn pecojn de katalunaj poetoj, helpate de s-ano Puig, kiu rapsodis pri la Esperantaj, tiel montrante per viva komparo la analogion de la diversaj aŭtoroj. Jen iuj en la nomparoj menciitaj tiuokaze: Clementina Arderiu kun Hilda Drezen; Juan de Oyarzábal kun J. V. Foix; Pere Quart kun Milda Jakubkova; Márius Torres kun Emba; Carles Riba kun William Auld, k.t.p. Post la interveno de poeto s-ano Mora Arana, kiun oni longe aplaŭdis, oni projekciis belan kolorfilmon en Esperanto pri Norvegujo, per kiu finiĝis la esperantista evento en San Cugat del Vallés, okaze de la Zamenhof-Tago.

*Raportis V. H. Ll.*



**La publiko interesiĝas pri la surstrata Esperanto-Ekspozicio en Sabadell**



**S-ro L. Puig, Vicprezidanto de «Centro de Esperanto Sabadell», parolante okaze de la distribuo de Esperanto-libroj. Sidantaj, S-ro Torné, estrarano de C. E. S. (meze) kaj S-ro Sala Campamá, delegito de R.E.L.A. (Rondo de Esperantistaj Libro-Amikoj)**

## VALENCIA

La cent dekunua datreveno de la naskiĝtago de D-ro. Zamenhof estis celebrita kun granda entuziasmo de la valencia esperantistaro.

Sabaton, la dekduan de decembro, duoncento da gesamideanoj kuniĝis en la Restoracio Munich —kutima rendevuejo en tiuj okazintaĵoj— kaj, post agrabla kaj komunikiga festeneto, la Prezidanto de la Grupo, samº. Johano Devís, klarigis al ĉiuj, —esperantistoj kaj ne—, la celon de la kunveno, deklarante ke la honora gasto, ĉijara, estis samº. Trevor Steele, aŭstralia lingvisto kiu, dumtempe, loĝas en Valencio. Kelkaj dankaj vortoj de la omaĝito sekvis la paroladon de samº. Devís, kiu estis tre aplaŭdita. Poste, S-ro. Lleonart, per tre retorikriĉa parolado en kastila lingvo, emfazis la moralan kaj socian signifon de Esperanto, kaj, per tre sentoplenaj vortoj, elvokis la memoron de nia forpasinta samideano Ludoviko Hernández, iama vigliganto de nia idealo.

Dimanĉon, la dektrian, en la kapeleto de la Lernejoj de la "Patronaĵo de la Laborista Junularo", multaj samideanoj aŭdis la Meson, kiun kantis en Esperanto, infanĥoro, gvidata de samº. Felikso Navarro, kiu instruas Esperanton, dum multaj jaroj, al centoj da lernantoj.

Poste, ĉiuj renkontiĝis por laŭrokronado de la steleo de D-ro. Zamenhof, ĉe la strato kiu estas nomata laŭ la Fondinto. La ceremonio, ĉiam emociiga, finiĝis per la kantado de "La Espero".

Kiel en antaŭaj jaroj, multaj gesamideanoj —ĉefe malnovaj— sin turnis al la tombejo, por viziti la tombojn —kaj surmeti laŭrobranĉeton sur ilin— de tiuj samideanoj kiuj pruvis sian ĝismortan samideanecon per almeto de la stelo sur la steleon.

La dekkvinan de Decembro la lernantoj de la kurso aŭskultis specialan lecionon, dum kiu la instruisto klarigis la celojn de Esperanto kaj la homamajn meriton de D-ro. Zamenhof.

"Esperantista Mikrofono" de "La Voz de Levante" disaŭdigis, la dekduan kaj la deknaŭan de Decembro, specialajn programojn, en kiuj la vivo de la Fondinto estis emfazata. Per tio, la festo de Esperanto havis ĝeneralan disvastigon.

*Cirano*

## VALLADOLID

La pasintan 12ª kaj 13ª de decembro, la Grupo "Fido kaj Espero" de Valladolid, festis la 111-an naskiĝdatrevenon de nia Majstro D-ro. Zamenhof, kreinto de la Esperanta Lingvo. Kiel kutime, la gesamideanoj celebris tre ĝoje la festotagojn:

La sabaton 12ª, je la 8ª horo vespere, kun pleplena salono la Prezidanto de la Grupo S-ro. Angel Díez, prezentis al la ĉeestantoj preleganton S-ron. Luis Hernández, kiu parolis pri "La Vivo de D-ro. Zamenhof" en flua kaj facila Esperanto. Li rimarkigis la malfacilaĵojn kaj malamojn kiujn Zamenhof vidis ekde siaj infanjaroj en sia naskiĝurbo, kaj kiel la Doktoro baldaŭ ekpensis krei neŭtralan lingvon internacian por rompi la lingvajn murojn inter la diversnaciaj gentoj. Poste, la familiajn malfacilaĵojn kaj la financajn problemojn kiujn Zamenhof devis trasperti, kaj la geedziĝon kun Klara Zibernik, dank' al kies helpo realiĝis la plej grava deziro de Zamenhof.

S-ro. Hernández rememorigis fine, la grandan sukceson en la unua Universala Kongreso de Boulogne sur Mer kaj la aktualecon de Esperanto kun la naciaj kaj internaciaj kongresoj ĝis nun, por la homoj kiuj amas la pacon.

Fine ĉiuj samideanoj kantis fervore "La Espero" kaj ĉiuj ĉeestantoj iris al apuda ĉambro, kie estis preta tablo kun aperitivo, donaco de la Grupo.

La dimanĉon 13-an, je la 12ª horo, en privata kapelo de la Altkolegio "La Salle" okazis Santka Meso, kiun celebris Pastro Jonás Castro, esperantista sacerdoto; en ĉi tiu jaro, unuafoje, la Meso celebriĝis tute en Esperanto. Ni devas konstatigi la grandan fervoron kiun tiu Meso alportis, ĉar la ĉeestantoj sekvis la Sacerdoton esperante kaj plenfervore.

Poste, multaj samideanoj kunvenis por tagmanĝi en tipa restoracio, kie, kiel kutime, reĝis agrabla kaj gaja etoso. Por fini tiun tagon, la S-ro. Prezidanto invitis iri al lia hejmo, kie multajn samideanojn li regalis per refreŝigaĵoj.

*M. R. Urueña*

*ZARAGOZA*

Kiel ĉiujare la Zaragoza-esperantistoj solene kaj frate festis la datrevenon de la naskiĝo de nia Majstro.

La 15-an de decembro, la tri tagĵurnaloj anoncis la eventon, kaj la tri radiostacioj disaŭdigis kanzonojn en Esperanto kaj dediĉis kelkajn vortojn honore al D-ro. Zamenhof. Vespere, en la sidejo de FRATECO, kunvenis esperantistoj de la du Grupoj ekzistantaj en la urbo: FRATECO, kaj ESPERANTO-FAKO de "Casa Catalana". Post bonvenigaj vortoj de la estrarano S-ro. José Andrés reliefigantaj la signifon de tiu dato por la esperantistoj, la kunveno disvolviĝis en frata kamaradeco kun disaŭdigo de pluraj Esperanto-gramofondiskoj. La FRATECO-anoj regalis siajn gastojn per dolĉaĵoj kaj cidro.

La 19-an, je la sepa vespere, okazis publika aranĝo. En plenplena salono de la Ŝparkaso, la Prezidanto de FRATECO, Prof. D-ro. Miguel Sancho Izquierdo prelegis kun prezentado de pluraj diapozitivoj, pri la temo: "Rememorante Vienon okaze de la Zamenhof-tago". D-ro. Sancho Izquierdo diris:

"Antaŭ ol projekcii kelkajn memorigajn diapozitivojn pri tiu Vieno, kiun nostalgie rememoras la esperantistoj kongresintaj tie, mi konsideras ke mi devas aligi tiun-ĉi prelegon al la hodiaŭa festata memorigo de la naskiĝo de D-ro. Zamenhof, kreinto de Esperanto.

La 55-a Universala Kongreso de Esperanto kolektis nin en la ĉefa urbo de la malgranda kaj grandkapa Aŭstra Ŝtato, (Mi diras grandkapa, ĉar la ĉefa urbo havas ronde 50 % el la landa loĝantaro). Malgraŭ tio kaj malgraŭ sia malgrandeco, la Aŭstra Ŝtato, statute neŭtrala, estas ŝlosilo inter Oriento kaj Okcidento, same kiel la Granda Imperio —kies ĉefa urbo estis Vieno— ludis decidan rolon en la Eŭropo de la lasta centjaro.

Tiu-ĉi Kongreso, ankaŭ reliefiĝis per tio, ke ĝi estis la Unua Universala Kongreso de Esperanto, en kiu unu Ŝtatestro, jam de longe esperantisto, faris en Esperanto la Inaŭguran Paroladon.

Ni, la ĉeestintoj, ĉiam memoros la belajn tagojn pasigitajn en la urbo de Danubo, kiu estis blua —laŭ diro de la vienanoj— nur al la okuloj de Johan Straus (kvankam pli poste en la fotoj ĝi estas ankaŭ blua). Precipe estas neforgesebla, el la aranĝoj eksterkongresaj, la Magistrata Akcepto en tiu Salonego, kiun ni tute ne scias priskribi por ke la neĉeestintoj povu ĝin imagi, kaj en kiu sonadis, kiel en la plej bona tempo, la valsoj de la komponisto antaŭe citita, invitantaj al dancado.

Kaj en tiu okazo, nia Prezidanto, Profesoro Ivo Lapenna, per bela kaj nelonga parolado aludis tiun Kongre-



**Prezidantaro de nia publika aranĝo: De maldekstre, dekstren: D-ro. Fernando de la Puente, Prezidanto de K. E. H. A.; S-ro. Víctor Ortiz, Estrarano de H. E. F.; Lia Ekscelenco: Prof. D-ro. Miguel Sancho Izquierdo, Prezidanto de FRATECO; S-ro. Eusebio Maynar, Delegito de U. E. A. en Zaragoza kaj Fino. M.a Pilar Sancho Rebullida, Sekretariino de H. T. E. S.**

son en jaro 1815-a —"La Viena Kongreso", antonomazie— en kiu oni provis konstrui unu Eŭropon, kiu daŭris cent jarojn. Tiam —li diris al ni— oni parolis en la franca, ĉar ĝi estis la diplomata lingvo internacia. Unu centjaron poste, en la Societo de Nacioj, kaj hodiaŭ en la Unuiĝintaj Nacioj, ne plu estas eble trovi lingvon por interkompreniĝi, kaj nun estas kvin la oficialaj lingvoj en ONU, kiel vi povis konstati per la poŝtmarkoj: la angla, la rusa, la franca, la ĉina kaj la hispana. Sed kion politike oni ne atingis, precipe pro la obstino de la supre dirita Internacia Organizaĵo kaj de ĝia Sekretario, ne pritrakti Esperanton, tion atingis ni, la pacaj batalantoj, per nia persista klopodo faligi la *obstinajn barojn,* starantajn inter la Ŝtatoj, helpatajn de lingva malsameco, kaj funde, de ekonomiaj aferoj, ĉar la penado de iu el ili por trudi sian lingvon kiel duan lingvon por internacia uzado, celas pli ol ĉion alian, la merkatkonkeron. Kiel malproksime ni estas de la romantika kaj malavara vizio de Doktoro Zamenhof!

En la jaro 1815-a, pro enfermiteco en la malproksima insulo Sankta Helena, estis malaperinta Napoleono, kiu kondukis la militon de sur la andaluziaj kampoj de Bailén ĝis la frostaj ebenoj de Rusujo. Tiam, oni intencis rekonstrui tiun disŝiritan Eŭropon, kaj certigi ĝian ekziston per ekvilibro, kiu decidigis konstrui la artefaritan kaj nestabilan Aŭstra-Hungaran Imperion.

Malgraŭ tio, ĝi daŭris unu centjaron, sed la fajrero saltis en la ĝusta loko, kie oni atendis ĝin, en la Balkanoj; kaj kiam la fajrego invadis jam la tutan Eŭropon kaj Nordan Amerikon, okazis kun la unua mondmilito, la Imperio-dispartiĝo, sed oni konstruis anstataŭige mapon ankoraŭ pli nestabilan.

Mi havas, inter aliaj libroj, malnovaj nun, sed kiuj iam estis la unuaj antaŭdiri, unu titolitan "La Krepusko de la Traktatoj. Genezo de estontaj militoj", kaj unu el la lokoj, kiujn ĝi signis (kaj kiujn oni povas ankoraŭ nun signi) kiel interpuŝigan, estis Danzigo, fariĝinta libera urbo proksima al koridoro kiu, dividante Prusujon en du partojn, donis al Polujo elirpovon al la maro.

Sed tio neniun kontentigis; kompreneble ne kontentigis Germanujon per tiu divido; ne kontentigis Polujon, kiu celis disponi Danzigon (la Gdansk de la antikvaj slavoj kaj de la nunaj poloj) kiel sian naturan havenon, anstataŭ devi krei alian en Gdynia, je dudek kilometroj de la alia. Frederiko II^a^ estis skribinta en sia Politika Testamento: "Kiu ajn posedos la enfluejon de Vistulo kaj Danzigon estos pli mastra de Polujo ol tiu, kiu ĝin regos". Kaj efektive, la milito aperis tie.

Tion-ĉi kaj tion, kio sekvis dum la dua mondmilito, mi rememoris dum mia vizito en Polujo okaze de la 44^a^ Universala Kongreso okazinta en la jaro 1959-a, en tiu Varsovio ne kuraciĝinta ankoraŭ de la gravegaj vundoj de la okazinta militado.

Ĉion tion, de post la Kongreso en 1815-a, mi rememoris ĉi-tiun jaron en Vieno, precipe kiam ni vizitis la Kastelon-palacon de Schömbrun kaj en ĝi, tiun ĉambron, pli ĝuste karcerĉelon, kiun okupis la malfeliĉa Francisko Jozefo II post la morto de Sisí.

Sed kompreneble, ni ne kolektiĝis ĉi-tie por relegi lecionon pri Historio, sed por mediti pensante pri ĝi, kaj eltiri ian instruon.

Kelkajn jarojn post la pac-subskribo, per kiu oni konsideris finita la unuan mondmiliton, Chesterton demandis en unu el siaj verkoj, kiam finiĝos la armistico kaj ekestos paco. Ĉar la nunaĵo, li diris, ne estas paco; ĝi estas nur paŭzo en la militado, kiu povas rekomenciĝi iam ajn. Kiel fakte rekomenciĝis, kvankam li ne vidis ĝin. Kaj hodiaŭ, ĉu oni povas diri, ke la mondo vivas pace? Oficiale, neniu deklaris militon, sed ĉiutage mortas multaj homoj en bataloj diverslokaj.

Kaj se la lukto ne vastiĝas kaj ĝeneraliĝas, se ne okazas milito tia, kiaj estis la du mondaj, tio estas pro timo al tiu milito, ne pro ekzisto de vera kaj aŭtenta pacspirito.

Tiuj pacoj, subskribitaj post la lastaj militoj, havis, kiel la militoj mem kiujn ili finis, fonon venĝeman aŭ hegemoniemon, kaj la iluzioj, kiujn faris al si pluraj popoloj ŝajne liberigitaj, baldaŭ svenis.

Mi ja scias ke iuj personoj kompateme ekridetos kiam en tia situacio

oni parolos al ili pri tiu Lazaro Ludoviko Zamenhof, kiu klopodis, kiu luktis kaj suferis por oferi lingvon, per kiu la homoj povu interkompreniĝi, ne nur por komercado, eĉ ne nur por turismo, sed esence por ke la homoj, komprenante unu la alian, konu kaj amu sin pli facile. Kaj tamen, la afero estas klara al mi: aŭ oni provas —sed vere— bazi sur la amo la interhoman rilatadon, aŭ oni ne eliros el tiaj situacioj, kiuj unu tagon puŝas nin, kaj alian ankoraŭ pli, al bordo de l' milito.

La paco estas —devas esti— rezulto de la Justeco. Sankta Aŭgusteno jam difinis la pacon. Trankvileco en la ordo. Sed, kompreneble, li ne aludis tian ordon trudatan per la forto, sed tian ordon naskatan de la propra natureco de la estaĵoj: la natura ordo, la natura leĝo, la justeco en objektiva senco, kiu —laŭ vortoj de Dante— se konservata, ĝi konservas la socion, se detruata, ĝi detruas ĝin. Estas juste, kiam la homo rezignacias gardadi kun konstanta kaj vivodaŭra volo, kiel diris Ulpiano, tiun ordon, en kiu ĉiu ricevas tion, kio konforme al ĝi, al li apartenas.

Sed la justeco ne sufiĉas. Justeco devenas de "ĝustigo", kaj vi scias, ke motoro, ĝustigite, bezonas lubrikon Tiu lubriko en la socia vivo estas la amo, la karito, ne en la senco vulgara, kiu faras ĝin sinonima je almozo, sed amo naskita de la konscio je frateco, kiu la homojn unuigas, bazita sur la natura egaleco de ĉiu homo, eĉ de tiuj nekristanaj, grandigita por tiuj-ĉi al supernatura ordo, per la dia fileco.

Kaj estas tiu-ĉi amo, laŭ nia Himno, kiu faligos la obstinajn barojn. Alie ni plu vivos en longiĝanta armistico, plurfoje nur parte respektata.

Mi volas fini tiun-ĉi babiladon, kiu eble en iu momento ŝajnis al vi lekcio de Profesoro ne rezignacianta je sia emeritiĝo, per du ekstraktoj el tiu poeziaĵo de nia Majstro, kiuj konforme al sia titolo "La Vojo", servos al ni kiel gvidilo por ke ni ne falu en pesimismon nek en la tenton aŭskulti perfidemajn voĉojn:

Jen la unua:

Ni semas kaj semas, neniam laciĝas,
Pri l' tempoj estontaj pensante.
Cent semoj perdiĝas, mil semoj perdiĝas,—
Ni semas kaj semas konstante.

"Ho, ĉesu!" mokante la homoj admonas,—
"Ne ĉesu, ne ĉesu!" en kor' al ni sonas:
"Obstine antaŭen! La nepoj vin benos,
Se vi pacience eltenos".

*Obstine antaŭen*! ĉar la obstino ĉitie ne estas malvirto, sed virto en sia duobla senco, ĉar ĝi estas forto por atingi kun la aliaj virtoj, nian celon.

Jen la dua:

L' espero, l' obstino kaj la pacienco,—
Jen estas la signoj, per kies potenco
Ni paŝo post paŝo, post longa laboro,
Atingos la celon en gloro.

*Post longa laboro.* He! Neniu senpacienciĝu nek forkonfesu Esperanton."

Tondra aplaŭdado premiis la disertacion de nia Prezidanto, vera leciono, ne nur de historio, sed de homa amo.

Post prezentado de pluraj diapozitivoj pri Vieno kaj la 55a Universala Kongreso de Esperanto, finiĝis la publika aranĝo, pri kiu raportis Zaragoza-tagĵurnaloj.

Je la deka vespere, preskaŭ cento da samideanoj kunvenis en restoracio por kune vespermanĝi kaj tosti per ĉampano "Verda Stelo" por la sukceso de nia ideo.

*FRATECO-ano*

---

DONATIVOS PARA BOLETIN - 1971

| | | |
|---|---|---|
| P. Marqueta (Zaragoza) | 50 | ptas. |
| M. Manteca (Alicante) | 50 | » |
| M. Manteca (Icod de los Vinos) | 50 | » |
| S. Arizmendi (Eibar) | 30 | » |
| S. Arnella (Parets del Vallés) | 700 | » |
| P. G. Pausbach (Portugal) | 174 | » |
| *Total* | 1.054 | » |

# LA FONDAĴO ESPERANTO KAJ LA BIBLIOTEKO DE H. E. F.

Preskaŭ hazarde mi estis atestanto pri du el la plej gravaj eventoj en nia landa Movado dum la lastaj jaroj. Unu estis la starigo de la *Fondaĵo Esperanto* en la kadro de H.E.F., kiun mi ĉeestis, kiel gasto; ĝi okazis en mia hejmo, en La Laguno, dum la 29ª Hispana Kongreso de Esperanto. Tie simple oni resumis la antaŭlaborojn, oni elektis la funkciulojn kaj oni iom skizis la agadprogramon. Sed kiom da laboro kuŝis malantaŭ tiu simpla fondkunveno formala, tion nur scias tiuj malmultaj ensekretigitoj, kiuj iam devis alfronti similan taskon. Ja konvinki la Ministerion pri Edukado kaj Scienco, ke ĝi agnosku la Fondaĵon Esperanto de H.E.F. bonfara-eduka instituto, estis persona venko de nia nun Honora kaj tiam efektiva Prezidanto Prof. D-ro. Sancho Izquierdo, kiu ĝuste pro siaj bonaj rilatoj kun ŝlosilpersonoj en la eduka administracio sciis konvinki la decidpovajn homojn pri la pure eduka signifo kaj bonfara celo de la Fondaĵo. Dank' al tiu atingo, nun H.E.F. disponas kapitalon, kiu sumas ĉ. unu milionon da pesetoj, post la lasta aldono, sub formo de donaco, kiun faris geedzoj Sancho-Rebullida por kunhelpi la celojn de la Fondaĵo. Neniam antaŭe la Movado en Hispanujo estis tiel solide apogita kaj laŭleĝe protektita. Prof. Sancho Izquierdo estas homo, kiu scias uzi sian grandan socian povon por la bono de Esperanto kaj la hispana Movado sentas profundan dankon pro tiu agado de nia eminenta samideano.

Sed paralele al tiu apogilo por la afero, kiu estas la Fondaĵo Esperanto, alia ne malpli grava evento leviĝis en la sino de H.E.F., dank' al la klarvida agado de F-ino Inés Gastón, kiu, dum sia deĵortempo kiel Sekretariino de la Federacio, fondis la Bibliotekon de la Asocio. Unue sub tre modesta strukturo, ŝi komencis apartigi por la Biblioteko de H.E.F. unun el la ekzempleroj de la porrecenzaj libroj venintaj al "Boletín", kaj samtempe ŝi klopodis ĝin pliriĉigi per aĉetoj, donacoj, k.s. Sed, kiel oni legas en la lasta kajero 1970 de "Boletín", niaj pioniroj S-roj Martínez Fernández kaj Fiol Paredes, el Sevilo, decidis donaci siajn personajn bibliotekojn, riĉajn je dokumentoj —el kiuj multaj datumas de antaŭ la unua mondmilito—, al la Biblioteko de H.E.F. Kiam F-ino Gastón, en privata letero, informis min pri la bibliografia trezoro, kiun H.E.F. ricevis, per manoj tremantaj pro emocio mi tajpis al ŝi leteron, kie mi diris, ke tiuj legacoj vekis mian firman intencon iam denove viziti Zaragozon nur por povi konsulti tiun unikan dokumentaron pri la unua jarcentkvarono de la Movado en Hispanujo. Kiuj, kiel mi, devis plurfoje, letere aŭ persone, tre pene pilgrimi de loko al loko serĉe de informoj kaj dokumentoj pri la ĉefaj okazintaĵoj de nia landa Movado, preskaŭ ĉiam kun tre magra aŭ nula rezulto, tiuj ja povas bone taksi la gravon de tiu bela gesto de nia sevilaj pioniroj. Espereble aliaj samideanoj, konvinkitaj, ke ekde nun estas certigita por eternaj tempoj la konservado de kolektoj libraj, gazetaj, dokumentaj ktp, kiujn ili ame akumulis dum multaj jaroj kaj pri kies estonteco kaj destino ili havis zorgojn, imitos la belan ekzemplon de S-roj Fiol kaj Martínez.

Nemalofte gravaj eventoj okazas preskaŭ senaverte. Kaj multfoje, kiam oni konstatas florantan instituton de tiu aŭ alia speco, oni mire sin demandas, kiel ĝi estiĝis, sed ordinare oni ricevas nur konjektan aŭ tre nebulan respondon. Nu, por iel enhistoriigi tiujn du gravajn atingaĵojn de nia landa Movado, mi decidis fliki la supran artikoleton, kvankam mi esperas reveni al la afero, kiam mi konos la listojn de gazetoj, libroj kaj aliaj dokumentoj venintaj el Sevilo al Zaragozo. Sed jam nun estas tempo honori la ĉefmotorojn de tiuj sukcesaj akiroj de H.E.F., niajn samideanojn Prof. Sancho Izquierdo kaj F-ino Inés Gastón, per publika agnosko de iliaj grandaj meritoj, kiam ili, en harmonia kunlaboro, klarvide kaj celkonscie masonis la firmajn financajn kaj kulturajn fundamentojn de la nuna hispana Movado, kiujn konsistigas la Fondaĵo Esperanto kaj la Biblioteko de Hispana Esperanto-Federacio. Honoron al ili!

Juan REGULO

# RAPORTO PRI LA AGADO DE HISPANA TURISMA ESPERANTO-SEKCIO DUM ĜIA DUA VIVOJARO (1970)

La vivo de la Sekcio disvolviĝis laŭ la plano programita je la komenco de la jaro. Kvankam niaj financaj rimedoj ne estas grandaj, la enspezoj, dank' —ne nur al la kotizoj— sed ankaŭ al kelkaj donacoj ricevitaj, kovris la buĝetitajn elspezojn, kio esperigas nin por daŭrigi nian laboron en sama nivelo.

Post la sukceso de la ekskurso organizita al la Kanaria insularo okaze de la 29ª Hispana Kongreso de Esperanto, kaj ankaŭ de la komuna vojaĝo al Helsinki dum la jaro 1969, ĉijare la Sekcio entreprenis la organizadon de Turisma Ekskurso tra diversaj nordaj regionoj hispanaj, okaze de la 30ª Hispana Kongreso de Esperanto, de la 16ª ĝis la 25ª de julio; de la komuna flugvojaĝo al Vieno (Aŭstrujo) okaze de la 55ª Universala Kongreso de Esperanto, kun dutaga vizito al Milano (Italujo); kaj de la Internacia Renkontiĝo en Jaca de la 27ª ĝis la 29ª de junio.

Pri la sukceso de tiuj tri aranĝoj, pli, malpli, vi estis informitaj pere de la raportoj en BOLETIN; per ĝia efektivigo ni kontentige plenumis nian celon: dum kelkaj tagoj, travivi en amikeca kaj frata etoso, esperantistoj el diversaj hispanaj regionoj kaj el diversaj landoj, vizitante tre interesajn belaĵojn de Hispanujo kaj ankaŭ eksterlandajn; propagandi Esperanton, per faktoj, kaj serioze informi pri ĝi.

La turisma broŝuro pri Jaca, eldonita okaze de la Internacia Renkontiĝo, restas por ni kiel memoraĵo de nia laboro kaj aktiveco, kiu meritis la gratulon de Lia Ekscelenco la Ministro pri Turismo. Tiu gratulo, kaj aliaj ricevitaj de Aŭtoritatuloj kaj elstaruloj kun kiuj la estraro de H.T.E.S. interrilatas, multe kuraĝigas nin en nia por-Esperanto laboro.

Vizitojn ni ricevis de esperantistoj el Pollando, Hungarujo, Francujo, Japanujo, Nederlando, Germanujo, Britujo kaj Kanado, kaj ni informis pri rondvojaĝoj tra Hispanujo al pluraj esperantistoj, kiuj feriis en nia lando.

La seriozeco de la Delegacio en Zaragoza de firmo MELIA, ebligas ke ni daŭrigu organizante niajn ekskursojn en kunlaboro kun tiu entrepreno, kio faciligas nian laboron tiurilate.

Rilate la ceterajn funkciojn de la Sekcio programitajn, ni esperas ke dum la venonta jaro, ili estos realaĵo. La estraro de H.T.E.S., kiu ekde la fondo de la Sekcio havas konstantajn kontaktojn kun la Ministerio pri Turismo, konfide esperas plenumi la taskon por kio la Sekcio estis kreita.

Zaragoza, la 31-an de decembro 1970.

La Sekretariino,

*M.ª Pilar Sancho-Rebullida*

---

## H. T. E. S. DENOVE ORGANIZAS KOMUNAN VOJAĜON OKAZE DE UNIVERSALA KONGRESO

Kiel anoncite, H.T.E.S. organizas komunan vojaĝon al Londono, okaze de la 56-a Universala Kongreso de Esperanto. Fine, ni rezignis la viziton al Bruselo. Do, la programo restis jene:

La 31-an de julio matene, forveturo de Barcelona; posttagmeze alveno al Londono, kie ni partoprenos la Universalan Kongreson de Esperanto.

La 7-an de aŭgusto post la fermo de la Kongreso, forveturo de Londono; posttagmeze alveno al Parizo, kie ni restos ĝis la deka.

Restado en Londono kaj Parizo, en hotelo kategorio 3 steloj, duonpensiono.

La 10-an de aŭgusto posttagmeze reveno al Barcelona.

Prezo de la vojaĝo po persono en dulita ĉambro kun banĉambro 16.160 pesetoj.

Prezo de la vojaĝo po persono en unulita ĉambro kun banĉambro 18.000 pesetoj.

Pliajn informojn vi povos ricevi ĉe H.T.E.S.; Inés Gastón, P.º Marina Moreno, 35, 4.º dcha. Zaragoza.

# NIAJ GRUPOJ



VILLANUEVA Y GELTRU

S-ro Angel Rutia García, nova Prezidanto de la Esperanto-Grupo Villanueva y Geltrú, informis nin pri la komenco de la Kurso de Esperanto 1970-1971, sub la gvidado de S-ino Dolores Andreu, kiu instruas la internacian lingvon.

S-ro Rutia, transpreninte la prezidan postenon, afable sendas siajn fratajn salutojn, kaj tiujn de la Grupo, por la esperantistaro.

Ni kore dankas la afablan leteron kaj deziras al la vigla kaj simpatia Esperanto-Grupo Villanueva y Geltrú, kaj speciale al ĝia Prezidanto, grandan sukceson en ilia por Esperanto-laboro.

## NOVA KURSO DE ESPERANTO

En la kadro de Kulturaj aktivecoj (ne devigaj), de la Colegio Menor de Juventudes EUROPA, de León, estis starigita Esperanto-kurso.

Ĉifoje estas juna, nova esperantisto, kiu sukcesis organizi Esperanto-kurson en oficiala institucio. Nia astura samideano Alberto Oria, instruisto, pasintjare kontaktiĝis kun la esperantistoj en Oviedo, kaj tuj, li eklernis la internacian lingvon kaj lernigis ĝin al amikoj. Ĉijare, pro profesia laboro, li estis destinita al León kiel edukisto en Colegio Menor de Juventudes EUROPA, kaj tuj interesigis pri Esperanto al ceteraj edukistoj kaj lernantoj.

La 19-an de oktobro, post informiga prelego de nia samideano, komencis la kurso, kiun partoprenas 30 lernatoj, 15 - 20 jaraĝaj, ĉiuj studentoj pri *Bachillerato Superior, Oficialía, Maestría kaj Magisterio.*

Bona laboro tiu de nia samideano por sekurigi la estontecon de nia movado.




Jen fotografaĵo de la kursanoj kun S-ro. Oria, maldekstre.

# ESPERANTO EN RADIO

Respondo al ripetita demando.

Estas pluraj radio-stacioj, kiuj elsendas en Esperanto regule; en Hispanujo de antaŭ pli ol dudek jaroj, Radio "La Voz de Levante" de Valencia, per ĝia "Micrófono Esperantista" disaŭdigas ĉiusemajnan programon en Esperanto; ĝi okazas dimanĉe, je la 23,45 h., - 278 m. (1079 kcs). Pri la intereso de la programo laŭte parolas tiuj dudek jaroj de konstanta disaŭdigo.

El la eksterlandaj Radio-stacioj, kiuj elsendas en Esperanto, nun mi informos nur pri Pola Radio kaj Radio Roma, kiuj estas bone aŭdeblaj de ni.

*POLA RADIO* Warszawa.

Ĉiutagaj elsendoj: 6,00 h., - 200 m (1502 kcs), 50,04 m (5995 kcs), 41,18 m (7285 kcs).

16,30 h., - 31 m, 25 m, 19 m.

La programo estas tre varia kaj interesa; la konstantaj konkursoj organizitaj de Pola Radio aldonas intereson pri la lando kaj sekve ĉiutage ni ĝuas aŭskultante la elsendojn.

*RADIO ROMA*

Dimanĉe je la 21,00 h., - 50,08 m (5990 kcs), 41,24 m (7275 kcs), 30,90 m (9710 kcs).

La programo ankaŭ estas ja interesa: Itala temo en Esperanto, la unua parto kaj la dua parto de ĉiu elsendo estas dediĉata al "Kuriero de Esperanto".

---

Ni konsilas al ĉiuj aŭskultantoj ke almenaŭ du aŭ tri foje jare, skribu al la Radio-stacioj vian gratulon aŭ rimarkojn pri la Esperanto-elsendoj. Jen la adresoj:

Esperanto-Redakcio de POLA RADIO, Poŝtkesto 46, Varsovio, Pollando.
RADIO ROMA - ESPERANTO, Casella postale 320, I-00100 Roma, Italia.
"Micrófono Esperantista" de "La Voz de Levante", Colón, 11, Valencia-4.

---

## ✳ Ni legis por vi...

"Fajro sur mia lango". Poemaro. Aŭtoro: Edwin de Kock. Prologo de Baldur Ragnarsson. Eldonis: Stafeto, kolekto Beletraj Kajeroj, n.° 29, J. Régulo, La Laguna (Tenerife), Hispanujo. 120 paĝoj, 12 x 19 cm. Prezo: 1,5 $ = 105 ptoj.

La sudafrika poeto kiu lanĉis sin per jam grava primica poemaro "Ombroj de la kvara dimensio", per sia nova verko "Fajro sur mia lango" li nun projekcias ombron kiu povas esti de iu kvina, kaj ĝi egalas al lumo de tiu fajro kiu flamas el profunda kanto de internaj ribeloj, kontraŭrasismo aŭ eskatologiaj angoroj. Lia "karno kantas kiel fajro", kaj tiel lia lango ardas pro tiuj poeziaj vortoj, kiuj troviĝas gravedaj je elhoma universaleco.

Edwin de Kock konsideras ke poeziaĵo ne devas konsisti nur el konvenciaj skemoj je klasikaj formoj, ritmoj kaj ideoj. Li alpropriĝas al si tute naturan kaj konvenan ritmecon, kaj tiel fluas kohere, sed laŭ tute persona stilo, vortoj kiuj nur celas al alta dirado por tiel sekci la homon kaj ĝian animon, kaj situigi en lokon de justeco nian neperfektan societon kaj la individuan avidecon kiu volus eterne vivi surtere meze de niaj plej forte enradikiĝintaj malvirtoj.

La aŭtoro deziris malplenigi sin per fajraj vortoj. Li vere sukcesas, sed li, nature, ne sentas sin kontenta. "Estas torturo ajnon diri", li skribas.

Kaj per citaĵoj el lia verko ni povus longe recenzi. Ni provu: "Kiel mi sukcesus en viajn cerbojn ŝraŭbi la konscion sen la kutimaj belefektoj, nur per vortoj nudaj kiel morda ŝtalo? La urĝo elparoli iĝas jam pli drasta ol la hista volo vivi!"

Li sentas sin senpotenca, nur pro tio ke li celas al pinta supro de sociala misia esprimado kaj denuncado. Tial li enviciĝas en la senpovecon. Sed ni scias bone ke tio ne estas vera: "Kiel povis mi pardoni min, pro tio, ke mi ne kapablas senti la realon de aliaj homoj? Proksimulo estas nur objekto kiel kato, ŝtono aŭ balailo, dum la mondo sin prezentas sole en la lum' de mia kurta esto tra privataj okulvitroj."

Li ne povas eviti ke lia realisma liriko, de tempo al tempo esprimiĝu per teneraj aŭ eklogaj agordoj. Kaj ni ĝojas ankaŭ pro tio. Ho la poemo "Memorante mian mortintan patrinon"! Kaj bonvolu gustumi tiujn versojn: "Enmarŝas la vespero per sandaloj sanktaj kun kandellumo kaj kvieto. (...) La tago kaj la val' en ombrojn forsolviĝas, kaj sur la bonan dormon falos roso de l' longaj sonĝoplenaj noktpalpebroj."

Li ankoraŭ sin konfesas:

Kaj mi iĝis kore laca
kaj la vort' cemente dura,
ke mi fine ĉesu verki,
laŭ postul' de art' pli pura!

Sendube "Fajro sur mia lango", kiu estas la 58-a volumo sub la jam fama marko Stafeto, estas luma stelo eventa de la beletristiko esperantlingva.

G. MORA

*Kan Lik*, romano de Ho Phuong. Ilustrita. Sen nomo de la tradukinto(j). Publikaĵo de Fremdlingva Eldonejo, Hanojo, 1969. 320 paĝoj. Formato 13 x 18,8 cm.

Kan Lik estas vjetnama heroino, kies faroj en la tragika milito de ŝia lando konsistigas la temon de ĉi tiu biografia romano. La verko estas diversflanke interesa, kaj ties Esperanta traduko spegulas la simplan kaj senpretendan stilon de niaj ĉinaj kaj vjetnamaj samideanoj. Gin oni legas facile kaj plaĉe.

*La drinkejo de l' mutulo*. Kolekto da noveloj de Nguyen Sang. Sen nomo de la tradukinto(j). Kovrilo kaj ilustraĵoj de Pham Hoang. Giai Phong Eldonejo, Sud-Vjetnamio, 1969. 188 paĝoj. Formato 12 x 18,8 cm.

Sep rakontoj pri sangaj kaj koropremaj epizodoj de la nuna milito en la martirigita vjetnama tero. Venu baldaŭ la tempo, kiam la vjetnamaj esperantistoj —nordaj kaj sudaj— povos verki, jam en paca lando, pri pacaj temoj. Kelkaj neregulaĵoj kaj foj-foje neĝusta uzo de "ata" ne senmeritigas la bonan nivelon lingvan de la traduko.

*La vjetnama kaj ĝia utiligo por la supera instruado en V.D.R.* Artikoloj de Nguyen Khanh Toan kaj aliaj. Traduko de Dao Anh Kha. Publikaĵo de Fremdlingva Eldonejo, Hanojo, 1969. 139 paĝoj. Formato 12,7 x 18,8 cm.

Legindaj traktatoj pri la rolo de lingvo en la vivo de la popoloj kaj pri la rimedoj uzataj por ĝisdatigi kaj plitaŭgigi ĝin en la kampoj de la scienco kaj la tekniko. La artikolo "La ellaborado de vjetnama scienca terminologio" de Le Kha Ke havas apartan intereson. Estas bedaŭrinde, ke la tradukinto uzis senescepte "edifi" en la senco "konstrui". Escepte de tio kaj de kelkaj aliaj makuletoj —la uzo de la neologismo "vigora", por ekzemplo— li plenumis laŭdindan laboron.

*Horizonto de Soveta Litovio.* Revuo eldonata de Esperanta Sekcio de Litova Societo de Amikeco kaj Kulturaj Rilatoj kun Eksterlandoj kaj de Vilnjusa Esperanto Klubo. Unua kajero, 1970. 32 paĝoj. Formato 25 x 29 cm.

La litovaj esperantistoj debutas per ĉi tiu interesa revuo kun diversa enhavo proza kaj poezia, informa kaj literatura. Inter aliaj frandindaĵoj troviĝas la artikolo "Riĉeco de Esperanto kompare kun naciaj lingvoj" de A. Vaitilaviĉius, kies duan parton ni jam senpacience atendas. Longan vivon al la nova revuo kaj gratulojn al ties redaktistoj!

F. DE DIEGO

"Gajaj Klubvesperoj". Skeĉoj kaj Ludoj. G. Riisberg k.a. Eldonis Dansk Esperanto-Forlag, Aabyhoj, Danlando. 32 paĝoj. Prezo:

Jen kolekto de bonhumoraj skeĉoj kaj ludoj tre adekvataj por vivigi nian lingvon en la kluboj. La libreto estas tre bonvena pro la spriteco kaj facila ludeblo de sia enhavo. Mi citu la skeĉojn "La kudrilo", ludebla de kvar aktoroj; "Egal-Rajto", "Fatamorgano" kaj "Kion vi diras?" ludeblaj de du kaj "La Porko" ludebla de tri. Kio pli bona ol praktikadi amuze?

La preso estas tre klara, mi trovis nur tri preserarojn, kiujn mi citas por eviti miskomprenon: p. 5, orelon ilin (=ili); p. 8 foriros (=foriras); viziko (=veziko). La lingvo estas korekta. Tamen... bedaŭrinde la uzo de:

*TIOM* *tiom* malgaja, *tiom* granda, *tiom* malĝentila (paĝ. 18, 20, 22) kontraŭ la tradicia kaj pli flua TIEL.

*ATA* "Li povas esti savATa". AT kiel AS esprimas absolute neperfektan agon, dum la frazo citita celas perfektecon, do savITa (p. 25).

*A* Kun la pasiva gerundio. "Veni nerazita" anstataŭ nerazit*e*.

*AS* Por subjunktiveco: "ke la sinjorino est*as* zorge vestita" anstataŭ est*u*.

Miaj atentigoj ne iras nur al la simpatia libreto "Gajaj Klubvesperoj", sed al ĉiu, kiu uzas la lingvon diverĝe, neunuece.

SALVADOR GUMA

## LENIN PRI LIBROJ KAJ BIBLIOTEKOJ

Tre modernaj estis la ideoj de V. I. Lenin pri utiligo de bibliotekoj. Jam en 1911 li laŭdis la Publikan Bibliotekon de New York, kiu en unu jaro servis al 1.658.376 personoj. "Fiero kaj gloro por publika biblioteko" —li skribis— "troviĝas, ne en la nombro da raraj verkoj, da eldonaĵoj de la 16-a jarcento aŭ manuskriptoj de la 10-a, kiuj tie troviĝas, sed en la *ampleksa* diskonigo de libroj *inter la homamasoj*, en la nombro de nove varbitaj legantoj, en la rapida kontentigo de ĉiu libro-peto, en la nombro da libroj liveritaj al hejmoj, en la nombro da infanoj allogitaj al legado kaj ĝuado de la biblioteko...".

Ankaŭ post la rusa revolucio daŭris lia intereso pri diskonigo de libroj. Li esprimis deziron, ke oni povos "en la daŭro de nur unu jaro, kaj malgraŭ niaj nunaj malfacilaĵoj, doni al la amasoj ĉiujn necesajn lernolibrojn kaj ĉiujn neprajn klasikaĵojn de literaturo, kaj de modernaj sciencoj kaj tekniko, po du ekzempleroj por ĉiu el la 50.000 bibliotekoj kaj legejoj...".

## UNIVERSITATA PROGRESO EN IRLANDO

Novan pruvon pri la plirapidiĝo de eduka progreso en la Irlanda Respubliko provizas lastatempe subskribita kontrakto pri baldaŭa konstruado de nova universitatejo en Gaillimburgo en la okcidento de la Respubliko.

La Universitata Kolegio de Gaillimh, fondita en 1845, funkciis ekde 1908 kiel parto de la Nacia Universitato Irlanda. NUI estos baldaŭ disigita, kaj anstataŭe ekfuncios tri apartaj kaj memstaraj universitatoj, en Baile Atha Cliath, Corcaigh kaj Gaillimh.

Nuntempe studas en Gaillimh 3.000 studentoj: tiu nombro duobliĝos ĝis 1980, kiam oni antaŭvidas kompletigon de la konstruprojekto. La nova tereno ampleksos 300 akreojn (120 hektarojn), kaj la fina kosto estos preskaŭ 35 milionoj da dolaroj. El tiu sumo, 2,5 milionojn havigos privataj instancoj, la ceteron la registaro.

*Lingva klarigo*: Kiam temas pri Irlando, multaj mapoj uzas la anglalingvaj urbonomojn anstataŭ la oficialajn, kiuj estas gael-lingvaj. Tial ni menciu la ekvivalentojn: Gaillimh = Galway; Baile Atha Cliath = Dublin; Corcaigh = Cork. (Redakcio, U-N.)

## KOMPUTERO GUSTUMAS RIVERAKVON EN POLLANDO

Nove starigita registara komisiono, sub prezido de s-ro Zdzislaw Tomal, respondecos pri "protekto al la homa medio" en Pollando. Ĝi kunordigos tiurilatajn laborojn de diversaj ministerioj kaj prizorgos rilatojn kun internaciaj organizoj.

Plej urĝe traktendaj estas la problemoj pri polucio de akvo kaj protekto de la natura medio ĉirkaŭ urbegoj kaj industriaj kompleksoj. Jam de kelkaj jaroj multiĝas uzinoj ĉe riverbordoj: ili nepre bezonas grandan akvoprovizon —sed dank' al ili la riveroj fariĝas kloakoj—.

Tial do gravas projekto POL-5, kiun entreprenis la Monda Sanorganizo kiel parton de la Disvolviga Programo de UN. Kunlaboras ekspertoj el 19 sciencaj organizoj en Pollando. Dufoje ĉiun minuton tuboj en la riveroj Wisla kaj Odra ensuĉas "plenbuŝon" da akvo, kiun oni tuj analizas. Informojn pri temperaturo, malklareco, enhavo de oksigeno, ktp, oni sendas al komputero ODRA 1003 en Warszawa.

ODRA 1003 kontrolas kaj komparas la informojn: se ĝi rimarkas polucion en iu parto de la riveroj, ĝi tuj atentigas pri tio, kaj krome kalkulas kiom da akvo el kiu lago oni devos kaneli en la riveron por dilui la venenitan akvon.

La 150 kunlaborantoj en projekto POL-5 estas optimismaj: en la jaro 1985 —laŭ ili verŝajne restos en Pollando ne pli, ol 70 kilometroj da venenitaj riveroj—.

(Laŭ Unesko-novaĵoj kaj Informa Servo de UEA.)




## SEMAJNO DE INTERNACIA AMIKECO

(S. I. A.)

21 - 27 de februaro 1971

Kiel kutime, en Hispanujo prizorgas la ĝeneralan organizadon de la Semajno, la estraro de H.E.F., kvankam ĉiu en sia urbo, organizu la aranĝojn laŭ siaj eblecoj.

Por informoj: Sekretariejo de H.E.F., str. Víctor de la Serna, número 19, 7.º. MADRID-16.

## 56 UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Okazonta en Londono de la 31ª, 7 ĝis la 7ª, 8, 1971
Sub la Alta Protektado de Lordurbestro de Londono Sir Peter Studd.

Konstanta adreso: Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam - 3002, Nederlando.

Unua Bulteno kaj Aliĝilo:

Kvarpaĝa, grandformata, ilustrita Unua Bulteno kaj samtempe la aliĝilo por Londono estas senpage riceveblaj ĉe la konstata adreso de la Kongreso, ĉe la kongresa peranto, Sro. Ramón Molera, Ĉefdelegito de U. E. A. en Hispanujo, str. Santa Joaquina, 13. MOYA (Barcelona) kaj ĉe la Hispana Esperanto-Federacio.

*Statistiko* (22.12.1970)

Entute 518 aliĝintoj el 31 landoj. (el Hispanujo 13.)

## 44-a KONGRESO DE S. A. T.

**Okazonta en Parizo, de la 31ª de julio ĝis la 6ª de aŭgusto 1971**

**La kongresontoj estos gastigitaj en Orsay, ĉirkaŭurbo de Parizo, ĉe sciencfakultato.**

**Petu informojn kaj aliĝilojn al O.K.K.; S.A.T., 67 avenue Gambetta, Paris-20a Francujo.**

TIP. C. BOLOIX. - REINA FABIOLA, 7. - ZARAGOZA

D. L. Z. - 375 - 63